# BOKS & KOKS

(Box and Cox)

***Komedio en unu akto***

DE

JOHN MADDISON MORTON.

---

**TRADUKIS**

el la Angla lingvo

CHARLES STEWART, M.A. (Cantab.)

*Diplomito de la Brita Esperantista Asocio, kaj aŭtoro de "La Antaŭdiro," komedio en du aktoj.*

---

LONDON:
La Tria Kongreso (Cambridge, Aug. 10-17, 1907)
13, Arundel Street, Strand, W.C.

# BOKS & KOKS

**(Box and Cox)**

*Komedio en unu akto*

DE

JOHN MADDISON MORTON

---

**TRADUKIS**

el la Angla lingvo

CHARLES STEWART, M.A. (Cantab.)

*Diplomito de la Brita Esperantista Asocio, kaj aŭtoro de "La Antaŭdiro," komedio en du aktoj.*

---

LONDON:
La Tria Kongreso (Cambridge, Aug. 10-17, 1907)
13, Arundel Street, Strand, W.C.

loĝas en la subtegmento.

B. Estas nenio tre rimarkinda pri li, krom liaj ĉapeloj. Mi kutimas lin renkonti portantan ĉapelojn ĉiaspecajn. Jen li portas ĉapelon blankan, jen ĉapelon nigran, unu fojon ĉapelon kun larĝa rondaĵo, alian fojon ĉapelon kun mallarĝa rondaĵo. Laŭ mia opinio, li estas kunigita iel kun ĉapelistaj aferoj.

Sino. B. Efektive li estas ĉapelisto. Ho! Sro. Boks tio min memorigas, ke li ordonis al mi vin petegi, kiel speciala favoro, ne tiom fumadi.

B. Vere! Vi, do, povas diri al via afabla ĉapelisto, kun miaj komplimentoj, ke, se ne plaĉas al li la odoro de mia tabako, estus pli bone, ke li serĉu loĝejon en alia kvartalo.

Sino. B. Ho! Sro. Boks, vi certe ne dezirus, ke mi perdu luanton.

B. Sino. Baŭncer, se mi ekvidos ian ajn ekprovon viaparte estingi mian pipon, mi tuj eliros tiun ĉi domon.

Sino. B. Ĉu vi deziras ion plie de mi, Sro. Boks?

B. Kontraŭe, mi jam havis tro de vi.

Sino. B. Nu, mi neniam . . . . (*forirante kaj fermante brueĝe la pordon post si*).

B. Estas mirinde kiom da klopodoj mi devas fari por liberigi min de tiu maljunulino. Ŝi scias bone, ke mi laboras la tutan nokton, kaj tamen ŝi malhelpas, ke mi kuŝiĝu dum la tago. Nu, kion mi faros? Ĉu mi dormetos antaŭ ol engluti mian matenmanĝon aŭ ĉu mi matenmanĝos antaŭ ol engluti mian dormeton? Ne! Mi volus diri ĉu mi englutos mian dormeton—ne ne! Ne estas grave! Mi havas ie tranĉaĵon da lardo (*traserĉante siajn poŝojn*). Mi tre klare memoras, ke mi aĉetis tranĉaĵon da lardo. Ho! jen estas! (*ĝin metante sur la tablon*). Mi aĉetis ankaŭ bulkon. Nun estas necese, ke mi ekbruligu fajron.

Kie do estas la alumetoj? (*Irante al la kamenbreto, li prenas alumetujon, kiun li malfermas*). Nu, je mia vivo! tio estas abomena. Antaŭ du tagoj tiu ĉi alumetujo estis plena de alumetoj, ĝi nun enhavas nur unu. Mi sciis, ke Baŭncer ŝteladas mian karbon kaj sukeron, sed mi neniam kredis, ke ŝi ŝtelos miajn alumetojn. (*Li prenas de la kamenbreto peceton da kandelo, kaj ĝin rigardas.*) Nu, mi demandas kion senpartia persono pensas pri tiu ĉi kandelo. Unue, mi neniam bezonas kandelon, ĉar mi neniam estas tie ĉi en la nokto. Due, mi aĉetis tiun ĉi kandelon la unuan de Majo, festo kamentubista, kredante, ke ĝi daŭros tri monatojn. Nun, post tri tagoj, tri kvaronoj konsumiĝis. (*Ekbruliginta la fajron, li deprenas fritilon, kiu pendas super la kamenbreto.*) (*Flarante la fritilon*). Mi opinias, ke Baŭncer kutimas uzadi mian fritilon. La lasta viando, kiun mi kuiris sur ĝi estis pork-kotleto, kaj nun ĝi havas fortan odoron harengan. (*Li metas la fritilon enhavantan la lardtranĉaĵon sur la fajron*). Mi estas tre dormema, kaj se mi havus iun por gardi la lardon, mi plezure dormetus iom. Eble la lardo gardos sin mem (*oscedante*). Efektive estas necese, ke mi dormetu. (*Li kuŝiĝas sur la liton, fermante post si la litkurtenojn.*)

(*Eniras Koks rapide.*)

K. Estas mirindege. Sciante, ke mi estis malfrua je dekunu kaj duono da minutoj, mi tre ekscitite eniris nian butikon senbrue, kiam la maljuna mastro kun bonfarema rideto min treege surprizis dirante, "Koks, mi ne vin bezonos hodiaŭ. Vi povas ĝui libertempon." Unue, mi pripensis vaporŝipan vojaĝon al Gravesend po unu ŝilingo, aŭ al Greenwich po kvar pencoj. Tiam veturo per dupencaj omnibusoj kaj unupencaj vaporŝipoj min allogis, tiam vizito al la Zoologia Ĝardeno min altiris. Fine, mi tute konfuziĝis. Tamen, ĉar estas necese, ke

mi matenmanĝu antaŭe, tio donos al mi tempon por pripensado. Mi aĉetis ŝafidkotleton. (*Li metas ĝin sur la tablon*). Nu, mi povos decidi kien iri dum mi matenmanĝos. Ho! mi tute forgesis aĉeti panon. Sed kio estas tio? Estas bulko. Vere mi havas bonŝancon hodiaŭ. Nun estas necese, ke mi ekbruligu fajron. Ha! (*ekvidas sian alumetujon sur la tablo*). Kiu kuraĝis tuŝi mian alumetujon? Ho, ve! Ĝi estas malplena. Tamen mi povas ĵuri, ke mi lasis almenaŭ unu alumeton. Ha! la fajro jam estas ekbruligita. Kie estas mia fritilo? Ho! ĝi estas sur la fajro. Estas viando en ĝi. Ĉu tio estas lardo? Ĝi estas lardo. Nu, je mia vivo, la trankvila senhonteco de Sino. Baŭncer estas miriga. Por pretigi sian matenmanĝon, ŝi prenas mian karbon, mian fritilon kaj mian lastan alumeton. Mi ne povas toleri tion. Ne, ne, ne! Eliru! (*Li puŝas forkon en la lardon, kiun li ĵetas en teleron kiu kuŝas sur la tablo. Tiam metinte la kotleton en la fritilon, li ĝin metas sur la fajron.*) Bonege! Mi nun iros alporti tien ĉi mian manĝilaron. (*Li malfermas la pordon maldekstran kaj foriras, fermante brue la pordon.*)

B. (*Metante la kapon tra la lit-kurtenoj.*) Eniru, Sino. Baŭncer, se estas vi. Ne estu timema. Mi volus scii kiom da tempo mi dormis. Ho, ve! mian lardon! (*Saltas el la lito kaj kuras al la fajrujo*). Je diablo! Kio estas tio? Estas kotleto. Kies kotleto ĝi estas? Certe ĝi apartenas al Baŭncer. Ruza maljunulino! Ŝi intencas kuiri sian matenmanĝon per miaj karboj kaj fritilo dum mi dormadas. Ha, ha, ha! Sed kie estas mia lardtranĉaĵo? Jen estas sur la tablo. Nu, je Jupitro! Baŭncer faras progreson! Ĉu mi haltigos mian koleron? Ĉu mi kaŝos mian venĝon? Ne, ne! (*Metas forkon en la kotleton, malfermas la fenestron, ĵetas la kotleton eksteren kaj refermas la fenestron.*) Tien iras la maten-

manĝo de Baŭncer, nun por la mia. (*Li remetas la lardon en la fritilon.*) Nun estas necese, ke mi alportu la manĝilaron. (*Malfermas la pordon de la ŝranko dekstre, kaj foriras, fermante bruege la pordon post si.*)

K (*Metante la kapon tra la pordo maldekstra*). Envenu. (*Malfermas la pordon kaj eniras portanta pleton kiu surhavas tekruĉon, telerojn, sukerujon k.c., kiun li metas sur la komodon*). Ho ve! Mian kotleton! (*Kurante al la kameno.*) Ho! kio estas tio ĉi? Ankoraŭ unu fojon la lardtranĉaĵo! Je diablo! Mi ne povas toleri tion. (*Li malfermas la fenestron, ĵetas la lardon eksteren, kaj reveninta al la komodo, altlevas la pleton. Je tiu ĉi momento Boks revenas el sia ŝranko kun pleto surhavanta lian manĝilaron. Ili ambaŭ marŝas flanko ĉe flanko al la antaŭa parto de la scenejo.*) Kiu estas vi?

B. Kaj vi, kiu vi estas?

K. Kion vi bezonas tie ĉi, sinjoro?

B. Kaj vi, sinjoro, kion vi deziras?

K. (*flanken.*) Estas la presisto! (*Li metas sian pleton sur la komodon.*)

B. (*flanken.*) Estas la ĉapelisto! (*Li metas sian pleton sur la tablon.*)

K. Iru al via subtegmento, sinjoro.

B. Mia subtegmento! Mi ne loĝas en la subtegmento. Ĝi estas via loĝejo.

K. Preslaboristo, mi donos al vi teruran baton, se vi ne eliros tuj mian ĉambron.

B. Vian ĉambron! For de tie ĉi tuj, malestiminda ĉapelisto! Tiu estas mia ĉambro.

K. Vere! Ha, ha, ha! Tio min amuzas. (*Tiras paperon el sia poŝo.*) Jen estas la lasta kvitanco de Sino. Baŭncer por la luo de tiu ĉi ĉambro.

B. Kaj tie estas la lasta kvitanco de Sino. Baŭncer por la luo de tiu ĉi ĉambro. (*Li metas la paperon*

*proksime al la nazo de Koks.*)

K. (*ekkriegante.*) Ŝtelistoj!

B. (*ekkriegante.*) Mortigo!

AMBAŬ. (*Kurante al la pordo.*) Sino. Baŭncer! Sino. Baŭncer!

(*Eniras Sino. Baŭncer.*)

Sino. B. Kio estas, sinjoroj?

(*Boks kaj Koks preninte ĉiu brakon de Sino. Baŭncer, ŝin alkondukas al la antaŭa parto de la scenejo.*)

B. Tuj forpelu tiun ĉapeliston!

K. Tuj forpelu tiun presiston!

Sino. B. Sed, sinjoroj . . . .

K. Klarigu!

(*Tirante ŝin al si.*)

B. Klarigu! Al kiu el ni apartenas la ĉambro?

K. Jes, virino. Al kiu el ni ĝi apartenas?

B. Kompreneble ĝi estas la mia.

Sino. B Ne, sinjoro.

K. Ĉu vi aŭdas tion, sinjoro? La ĉambro apartenas al mi.

Sino. B. Ne, ne! Ĝi apartenas al vi ambaŭ.

B. kaj K. (*parolante samtempe.*) Kion! Al ni ambaŭ!

Sino. B. Estimataj sinjoroj, ne koleru, sed min aŭskultu kaj mi klarigos ĉion. Ĉar tiu ĉi sinjoro (*signalante Boks*) estas hejme nur tage, kaj tiu sinjoro (*signalante Koks*) estas hejme nur nokte, mi kredis, ke mi povus luigi tiun ĉi ĉambron al vi ambaŭ ĝis la ĉambreto sur la dua etaĝo estos preta.

B. kaj K. (*avide*). Kiam, do, estos preta la ĉambreto sur la dua etaĝo?

Sino. B. Morgaŭ, sinjoroj.

B. kaj K. (*samtempe*). Mi deziras ĝin lui.

Sino. B. Permesu al mi diri, sinjoroj, ke se vi ambaŭ ĝin luos, estos pli bone, ke vi restu kie vi jam estas.

B. kaj K. (*samtempe*). Tio estas vera.

K. Mi parolis unue, sinjoro.

B. Mi kore konsentos, ke vi ókupos la ĉambreton sur la dua etaĝo, sinjoro. Foriru!

K. Vi min mokas, sinjoro.

Sino. B. Ne malpacu, mi petegas vin, sinjoroj. Antaŭe estis maldika muro en tiu ĉi ĉambro, kiu dividis la ĉambron en du partojn.

B. kaj K. Nu, starigu ĝin.

Sino. B. Ne, ne. Mi penos pretigi la ĉambreton hodiaŭ. (*Ŝi foriras.*)

K. Kia malplaĉa situacio! (*Ĉirkaŭmarŝante rapide interne de la scenejo.*)

B (*sidiĝante ĉe la tablo kaj observante Koks*). Permesu al mi diri, sinjoro, ke se vi ne jam vin ekzercis hodiaŭ, estos pli bone, ke vi tion faru ekstere.

K. Mi ne foriros, sinjoro (*sidiĝante ĉe la tablo kontraŭe al Boks.*)

B. Vere, sinjoro?

K. Certe, sinjoro. (*Li disrompas peceton de la bulko.*)

B. Tiu ĉi bulko estas la mia! (*Ekprenante ĝin. Poste ekbruliginta pipon, li blovas fumon trans la tablo en la vizaĝon de Koks.*)

K. Ho! sinjoro, kion vi faras?

B. Kion mi faras? Mi fumas!

K. (*malfermante la fenestron kiu estas post Boks*). Pfui! Kia fumo!

B. Kion vi faras, sinjoro? Fermu tiun fenestron tuj.

K. Se vi estingos vian pipon, sinjoro.

B. Jen!

(*Li metas la pipon sur la tablon.*)

K. Jen! (*Li fermas la fenestron.*)

B. (*Oscedante.*) Mi kusiĝos sur la lito. (*Li leviĝas, formetas sian veston kaj sidas sur la liton.*)

K. (*Eksaltas, kaj, iranta al la lito, sidas flanke de Boks.*) Mi petas vian pardonon, sed mi ne permesas al iu ĉifi mian liton.

B. Vian liton! Aŭskultu al mi, sinjoro. Ĉu vi povas pugne-batali?

K. Neniel, sinjoro!

B. Ne? Ni batalu do! (*Svingante siajn pugnojn.*)

K. Sidiĝu, sinjoro, aŭ mi tuj alvokos policanon.

B. (*sidiĝas—Koks ankaŭ sidiĝas*). Aŭskultu min, sinjoro!

K. Mi vin aŭskultas, sinjoro!

B. Kvankam ni estas devigataj okupi tiun ĉi ĉambron ankoraŭ kelkajn horojn, mi ne vidas la necesecon por tranĉi al ni reciproke la gorĝon.

K. Efektive mi tute malaprobas tian agon.

B. Miaflanke mi ne havas ian malamikecon gravan kontraŭ vi, sinjoro.

K. Mi ankaŭ ne havas ian grandan antipation kontraŭ vi, sinjoro.

B. Plie estas ja S^ino. Baŭncer kiu estas kulpa.

K. Kompreneble, sinjoro. (*Ili proksimigas siajn seĝojn iom post iom.*)

B. Prenu, peceton de mia bulko, sinjoro?

K. Dankon, sinjoro.

(*Disrompante peceton.*)

B. Ĉu vi kantas, sinjoro?

K. Mi iafoje kantas en ĥoro aŭ dueto.

B. Nu! Kantu ĥoron, sinjoro, aŭ kantu dueton!

K. Mi bezonas mian edzinon por tio.

B. Vian edzinon.

K. Tio estas, mian estontan edzinon.

B. Mi vin gratulas! (*Premas lian manon.*)

K. (*ekĝemante*). Dankon! (*ekvidante ke Boks sin pretigas foriri*). Ne foriru, sinjoro; mia edzino, mi intencas diri—mia estonta edzino ne venos tien ĉi.

B. Mi komprenas! Vi havas komfortan malgrandan loĝejon tie ĉi kaŝitan! Ruza hundo!

K. Tute ne, sinjoro. Mi rediras, tute ne, sinjoro! Sed mia edzino—mi petas pardonon—mia estonta edzino estas posedantino de granda nombro de banveturiloj.

B. (*subite*). Ha! Kie?

(*Premante la brakon de Koks.*)

K. Ĉe ŝatata marbanurbo. Vere vi estas tre scivola.

B. Neniel.

K. Nu, pro tio, dum la bansezono—kiu feliĉe estas iom longa—ni nin interrenkontas tre malofte, sed ĉar la bansezono nun preskaŭ finiĝis, mi ĉiutage atendas vidi mian karulinon! (*Serioze.*) Ĉu vi estas edzo, sinjoro?

B. Mi? Nu, ne precize!

K. Ĉu feliĉa fraŭlo?

B. Nu! ne ĝuste!

K. Tiam vi estas vidvo.

B. Nu, ne absolute!

K. Mi petas vian pardonon, sinjoro, sed estas necese, ke vi estu aŭ edzo, aŭ fraŭlo, aŭ vidvo. Vi ne povas eviti tion.

B. Ĉu mi ne povas tion eviti?

K. Nek vi, nek iu alia vivulo!

B. Ho, povas esti tiel! Sed mi ne estas viva.

K. (*puŝante reen sian seĝon*). Vi pardonos min, sinjoro, sed mi ne ŝatas ŝerci pri tiaj temoj.

B. Sed mi ne ŝercas, sinjoro; mi mortis antaŭ tri jaroj.

K. (*ekkriegante*). Silentiĝu, sinjoro!

B. Se vi ne volas min kredi, vi povas esti certigata de multe da miaj plorantaj amikoj.

K. Mia kara sinjoro, karega sinjoro! se efektive estus ia nova elpensaĵo, per kiu edziĝonta viro povus eliri tiun ĉi mondon, kaj samtempe resti tie, mi ne estus malkontenta ĝin koni.

B. Mi do supozas ke vi ne tre amegas vian estontan edzinon?

K. Ne ĝuste! tamen mi nuntempe nur konas unu aferon kiu malhelpas min dorloti ŝin!—mi ja ne povas toleri ŝin!

B. Kial vi ne faras tion, kion mi faris.

K. Mi ja faros ĝin! Kio estas?

B. Dronu vin!

K. (*ekkriegante*). Silentiĝu, sinjoro!

B. Aŭskultu al mi. Antaŭ tri jaroj mi havis la malfeliĉecon ĉarmegi belan sed iom maljunan vidvinon kiu loĝas en Ramsgate.

K. (*flanken*). Estas strange! Antaŭ tri monatoj la sama cirkonstanco okazis al mi en Margate.

B. Por eviti ŝiajn amindumajn atentojn, mi decidis varbiĝi ĉe la kavalerio.

K. (*flanken*). Estas mirinde. Mi faris la samon.

B. Tamen, la varbserĝentoj rifuzis min akcepti, dirantaj, ke mi estis tro malalta.

K. (*flanken*). Ili min rifuzis ankaŭ, pro la sama kaŭzo.

B. Tial mi devis kontentiĝi de regimento marŝa. Mi varbiĝis.

K. (*flanken*). Mi ankaŭ. Kia koincido!

B. Tuj post mia varbiĝo, mi tute malĝojis.

K. (*flanken*). Mi ankaŭ!

B. Mia amema vidvino proponis aĉeti mian eksiĝon, kondiĉe, ke mi edziĝu kun ŝi.

K. (*flanken*). Mia amantino sin kondutis sammaniere.

B. Unue mi ŝanceliĝis sed fine mi konsentis.

K. (*flanken*). Mi konsentis tuj.

B. La tago nomita por la edziĝa ceremonio proksimiĝis. Efektive ĝi estis tro proksima por min plaĉi. Subite mi eltrovis, ke mi ne estas inda je tia trezoro kia mia fianĉino. Mı diris tion al ŝi, sed anstataŭ esti flatata per la komplimento, ŝi saltis sur min tigrine. Mi respondis iom malĝentile, kiam subite io pasis tute proksime al mia kapo, kaj sin frakasis en mil pecetojn kontraŭ la muro. Estis la pelvo! Mi min venĝis per la teotaso. Ni disiĝis, kaj la morgaŭan tagon mi ricevis processciigon pri rompita edziĝ-kontrakto. La proceso min preskaŭ bankrotigis. La persekutanto min postsekvis akre. Fine mi fariĝis furioza. Unu tagon mi eliris mian loĝejon tre frue, portanta sub la brako vestaron enfermitan en fasko. Suprenirinte monteton, mi malfermis la faskon, kaj disponis la vestaron sur la rando de krutegaĵo; tiam rigardinte unu fojon la teruran profundegaĵon, mi foriris per vojeto kontraŭan direkton.

K. Bona Dio! Mi nun ekkomprenas viajn intencojn. Estaĵo sagaca! Vi malaperis, la vestaro troviĝis.

B. Precize. En unu el la poŝoj de mia vesto aŭ veŝto

estis trovata papero, sur kiu mi estis skribinta kortuŝantan adiaŭon en tiuj ĉi paroloj. " Penelopo Anno, vi estas la kaŭzo de mia morto ! "

K. Penelopo Anno ! (*ekprenante brakon de Boks kaj lin kondukante malrapide al la antaŭa parto de la scenejo*). Ĉu vi diras, ke ŝia nomo estis Penelopo Anno ?

B. Penelopo Anno !

K. Ĉu ŝi estis la vidvino de Vilĉjo Viggins ?

B. Vidvino de Vilĉjo Viggins !

K. Posedanto de banveturiloj en Margate ?

B. Jes. Ankaŭ en Ramsgate.

K. Estas ŝi ! Estas ŝi ! Tiam vi, sinjoro, devas esti la longe perdita kaj tre bedaŭrita sinjoro Boks !

B. Mi estas li.

K. Mi do estis edziniĝonta la interesan kreitaĵinon kiun vi tiel kruele trompis.

B. Vi do estas sinjoro Koks.

K. Mi estas li.

B. Mi aŭdis pri via intencita edziĝo. Mi vin gratulas, sinjoro Koks. Mi deziras al vi multe da ĝojo. Kia bela tago ! Mi pensas, ke mi promenos iom.

K. Neniel. (*Lin haltigante.*) Mi ne intencas vin perdi ĝis mi vin redonos al via fianĉino.

B. Mia fianĉino ! Nepre ŝi estas via fianĉino.

K. Ne, ne, sinjoro. La via !

B. Kiel ŝi povas esti mia fianĉino ? Vi forgesas, ke mi estas dronita.

K. Sensencaĵon ! Mi vin prezentos al Penelopo Anno.

B. Mi ne deziras, ke vi min prezentu al via fianĉino.

K Al mia fianĉino ? Kiamaniere ŝi povas esti mia

fianĉino. Vi estis la unua proponi al ŝi.

B Tio estas vera, sed mi mortis, kaj vi proponis al ŝi post mia morto.

K. Sinjoro!

B. Sinjoro!

K. Vi meritas ŝin pli ol mi. Tial permesu ke mi sekvu la noblajn sentojn de mia naturo kaj forlasu ŝin al vi.

B. Bonfara estaĵo, mi ne forprenus vin de ŝi pro la tuta mondo (*irante*). Bonan tagon, sinjoro.

K. (*lin retenante*). Haltu!

B. For la manojn, ĉapelisto, aŭ mi ne restos pli longe ŝafido sed fariĝos leono.

K. Fi, fi! (*krakante la fingrojn sub la nazo de Boks*).

B. Insultemulo! Antaŭ mia vizaĝo! Sub mia nazo! Vi konas la sekvojn de tio, sinjoro. Mi demandas tujan kontentigon.

K. Certe, sinjoro.

(*Ambaŭ iras rapide al la fajrejo, kaj komencas tiri la sonorilŝnurojn, kiuj falas teren.*)

B. kaj K. (*Samtempe*) Sino Baŭncer! Sino. Baŭncer!

(*Sino. Baŭncer eniras rapide*)

Sino. B. Kio estas, sinjoroj?

B. Pafiletojn por du!

Sino. B. Jes, sinjoro (*irante*).

K. Haltu, senpripensema kaj nesingardema virino. Ĉu vi havas en tiu ĉi domo ŝargitajn pafiletojn.

Sino. B. Ili ne estas ŝargitaj, sinjoro.

K. Tiam alportu tuj la mortigajn armilojn.

(*Foriras Sino. B.*)

B. Sinjoro Koks.

K. He, sinjoro!

B. Kia estas via opinio pri la duelado, sinjoro?

K. Mi opinias, ki ĝi estas barbara kutimo, sinjoro.

B. Mi ankaŭ, sinjoro. Tamen mi ne ĝin tiom malŝatas, kiam la pafiletoj ne estas ŝargitaj.

K. Tio faras efektive diferencon.

B. Laŭ mia opinio, estas tempo perdita dueli per pafiletoj neŝargitaj.

K. Ne estas pli granda perdo de tempo ol alia sendanĝera ludo.

B. Mi petas ke vi aŭskultu al mi, sinjoro. Kial vi ne deziras edziĝi kun Penelopo Anno?

K. Ĉar mi ne povas toleri ŝin. Vi kontraŭe estos tre feliĉa kun ŝi.

B. Feliĉa! Mi? Ne, ne, sinjoro Koks, mi ne deziras vin senigi de tia trezoro.

K. Ne pensu pri mi, Boks. Mi estos sufiĉe rekompencita per la sciigo, ke vi estas feliĉa.

B. Ne estu malsaĝa, sinjoro.

K. Ne estu ridinda, sinjoro.

B. Mi certe ne edziĝos kun ŝi.

K. Mi tute rifuzas edziĝi kun ŝi.

B. Mi havas ideon. Ni lotu je ŝi.

K. Tio estas bona ideo, sinjoro Boks.

B. Ĉu ni ĵetos ludkubojn, sinjoro.

K. Se tio plaĉos al vi.

B. (*flanken*). Tio okazas tre bonŝance por mi. La nevo de Baŭncer lasis tie ĉi hieraŭ paron da ludkuboj. Li kaj mi ludas kelkfoje kune, kaj li ĉiam ĵetas sesojn. Mi kredas, ke liaj kuboj estos bonŝancaj. Mi ilin

alportos. (*Foriras.*)

K. Mi ne malŝatas ludkubojn. Mi perdis ĉe la lastaj kursoj en Barnet du funtojn al viro elegante vestita, kiu estis tre lerta por ĵeti sesojn. Kredante ke liaj kuboj povus esti ŝargitaj, mi donis al li pluan duon-kronon (2ŝ 6p) por la paro. (*Li eltiras el poŝo du ludkubojn, kiujn li metas en alumetujon.*)

(*Revenas Boks.*)

B. Ĉu vi estas preta, sinjoro?

K. Jes, sinjoro. (*Ili sidas ĉe la tablo.*) Ĉu vi deziras komenci, sinjoro?

B. Se plaĉos al vi, sinjoro. Mi supozas, ke la pli alta ĵeto gajnos Penelopon Annon.

K. Certe, sinjoro.

B. (*Skuinte la ludkubojn li ĵetas du sesojn*). Du sesoj!

K. Tiu estis bonega ĵeto, sinjoro. (*Ĵetante*) Seso

B. Bonege! (*Ĵetante*) Sesoj!

K. Ha! (*Ĵetante*) Sesoj!

B. Ho! (*ĵetante*) Sesoj!

K. Ha! (*ĵetante*) Sesoj!

B. Viaj kuboj estas bonegaj, sinjoro.

K. La viaj ankaŭ, sinjoro.

B. Mi proponas ke ni interŝanĝu kubojn.

K. Plezure, sinjoro.

(*Ili interŝanĝas kubojn.*)

B. (*ĵetante*) Sesoj!

K. (*ĵetante*) Sesoj!

B. (*ĵetante*) Sesoj!

K. (*ĵetante*) Sesoj!

B. (*ĵetante sian kubujon sur la tablon.*) Estas tute

ridinde, ke vi ĵetas sesojn tiamaniere.

K. Mi daŭros ĵeti la kubojn ĝis mia ŝanco ŝanĝos, sinjoro.

B. Ni provu alian ludon. Mi proponas ke ni supren ĵetos moneron por Penelopo Anno.

K. Mi mem estis propononta tion samon. (*Ĉiu prenas el sia poŝo plenmanon da moneroj.*)

B. (*flanken*). Kie estas mia ĵetŝilingo? Jen!

K. (*flanken*). Kie estas mia bonŝanca sespenco? Jen!

B. Ĉu la kapo gajnos, sinjoro?

K. Aŭ la kapo aŭ la vosto, kiun ajn vi ŝatas.

B. Estas sama afero por mi.

K. Nu, sinjoro; se la kapo estos supre, mi gajnos; se estos la vosta flanko vi perdos.

B. Mi konsentas pri tio. (*Subite*). Ne, ne. La kapo devas gajni.

K. Bone. Komencu vi.

(*Ili staras vizaĝo kontraŭ vizaĝo.*)

B. (*ĵetante moneron supren*). Estas la kapo.

K. (*ĵetante*). Estas la kapo.

B. (*ĵetante*). Ankoraŭ la kapo.

K. (*ĵetante*). La kapo.

B. Ĉu vi ne estas laca de la kapo?

K. Ĉu vi ne povus ŝanĝi la enuon de la ludo ĵetante vian moneron kapmalsupre.

B. (*ĵetante*). Kapo.

K. (*ĵetante*). Kapo.

B. (*ĵetante*). Kapo. Haltu, sinjoro. (*Ekkaptante la moneron de Koks*). Permesu al mi diri, ke via sespenco ne havas voston!

K. (*ekkaptante la moneron de Boks*). Via ŝilingo havas ankaŭ du kapojn.

B. Trompanto!

K. Ŝtelisto!

*(Ili ŝajnigas batali furioze, sed evitas ĉiujn batojn, kurante reen). (Eniras Sino. Baŭncer.)*

B. & K. (*samtempe*). Ĉu estas preta la ĉambreto sur la dua etaĝo?

Sino. B. Ne tute, sinjoroj. Ho! mi ne povis trovi la pafiletojn. Mi havas tie ĉi leteron por unu el vi. Ĝi alvenis per la poŝto hieraŭ. Mi ne povas kompreni kiamaniere mi ĝin forgesis, ĉar mi ĝin metis en mian poŝon.

K. Kaj vi ĝin gardis en via poŝo ĝis nun.

Sino. B. Jes, sinjoro. Mi esperas, ke vi bonvolu pardoni mian eraron. (*Forirante.*) Ho! mi pagis du pencojn al la leteristo pro tiu letero.

K. Vere! Tiuokaze mi pardonas al vi la eraron. (*Sino. Baŭncer foriras.*) (*Rigardante la leteron*) "Margate," efektive la poŝt stampo estas "Margate."

B. Estas sendube letero dolĉa de Penelopo Anno.

K. Tiuokaze ĝi estas por vi, sinjoro. (*Pasigante la leteron al Boks.*)

B. Por mi, sinjoro?

K. Certe. Vi ne kredas, ke mi intencas legi leteron de via fianĉino.

B. De mia fianĉino! Ne, ne. La letero estas adresita al vi.

K. Kial? Vi kredas, ke tiu litero estas K. Al mi ĝi ŝajnas esti B.

B. Sensencaĵon! Malfermu la koverton.

K. (*malfermas la leteron*). Je diablo!

B. (*ekprenante la leteron*). Je Jupitro!

K. (*reprenante la leteron kaj ĝin legante laŭte*). "Margate, la kvaran de Majo. Sinjoro! Mi rapidas vin sciigi pri melankolia malfeliĉo, kiu jus forprenis de vi vian fiaĉinon." Li parolas pri via finanĉino.

B. Neniel. Li parolas pri la via. Ŝi estas nedisputable via fianĉino.

K. Kiamaniere ŝi povas esti la mia? Vi estis la unua proponi al ŝi.

B. Estas vere. Tamen vi scias, ke .... Ne estas necese rekomenci disputadon pri tio. Legu plie.

K. (*daŭrigante*). "La malfeliĉa Sinjorino faris malgrandan ekskurson velŝipan. Ventego sabite leviĝis, kaj renversis la ŝipeton. Ŝi troviĝis post du tagoj ... (*silibante*)—k-i-l, kil, s-u, su, kilsupre.

B. Malfeliĉa estaĵino!

K. Li parolas pri la velŝipo, Sinjoro. Li devis diri, "Ĝi troviĝis kilsupre."

(*daŭrigante*). "Kiel ŝia administranto, mi tuj traserĉis ŝiajn paperojn, kaj trovis inter aliaj ŝian testamenton, el kiu mi citas la sekvantan eltiron, kiu sendube vin tre kontentigos:—'Mi testamentas mian tutan posedaĵon al mia intencita edzo.'" Bonega sed malfeliĉa estaĵino! (*ekplorante*).

B. Estaĵo malavara! (*plorante*).

K. Kiam mi pripensis ke mi hodiaŭ suprenjetis—
—moneron—pro tia virino. ....

B. Kiam mi mem—memoras ke mi ĵetis ludkubojn pro tia trezoro ......

K. Mi ne povas sufiĉe danki al vi, Sro. Boks, pro via simpatio.

B. Mi estas certa ke vi ne povus montri pli da

malĝojo, se vi estus ŝia fianĉo mem.

K. Kial! *Se* ŝi estus mia fianĉino! Efektive ŝi estas tio.

B. La via! Nu, tio min treege amuzas. Ĉu vi ne ĵus diris, ke mi estis la unua proponi al ŝi?

K. Sed vi tute prave respondis, ke vi jam venis al antaŭtempa fino.

B. Mi tion neas.

K. Vi estas mortinto.

B. Al mi apartenas la posedaĵo.

K. Neniel. Ĝi estas mia.

B. Mi tute intencas ĝin havi.

K. Nepre mi ĝin havos.

B. Mi komencos proceson.

K. Mi ankaŭ.

B. Haltu. Ideo ĵus eniris mian kapon. Mi proponas, ke ni dividu la posedaĵon anstataŭ ol iri al la juĝejo.

K. Ĉu vi ĝin dividos juste.

B. Kompreneble. Mi prenos du trionojn.

K. Bone. Kaj mi prenos tri kvaronojn.

B. Tio ne estas ebla. Ni ĝin dividu duone.

K. Bone. Ĝi estu aranĝita tiumaniere. Jen estas mia mano pri la afero.

B. Kaj jen la mia.

*(Ili estas tuj manpremontaj, kiam ili aŭdas frapon kontraŭ la pordo.)*

K. Estas ankoraŭ unu fojon la poŝtisto.

Sino. B. (*Enirante*). Jen estas alia letero por vi, Sro. Koks.

K. (*prenante la leteron*). Alia letero de Margate! (*Malfermante la leteron*). Je ĉielo!

B. (*Ekprenante la leteron*). Je infero!

K. (*Reprenante ĝin kaj legante laŭte*). "Mi plezure sciigas al vi . . . . ne estas vere.

B. (*Rigardante super la ŝultroj de Koks*). "Subita ventego . . . . . . . velŝipeto renversita . . . . . . . via intencita . . . . .

K. "Savita per vaporŝipo . . . . .

B. "Alportita al Boulogne . . . . .

K. "Revenis tien ĉi tiun ĉi matenon . . . . .

B. "Foriros Londonon morgaŭ frue . . . . .

K. "Kaj estos ĉe vi je la deka horo." (*Ambaŭ eltiras siajn poŝhorloĝojn*).

B. Mi vin gratulas kore, Koks.

K. Mi deziras al vi multe da ĝojo.

B. Mi tre bedaŭras, ke urĝa afero ĉe la Kolonia Oficejo min malhelpos apudesti vian feliĉan renkonton kun via estonta edzino. (Irante). Bonan tagon, Sro. Koks.

K. Estas mi, kiu devas foriri, ĉar mi tute ne deziras interrompi vian ĝojan intervidiĝon kun la Sinjorino. Bonan matenon, Sro. Boks.

B. Mi petas pardonon, Sinjoro, sed la lasta aranĝo inter ni estis, ke ŝi estus via edzino.

K. Ne, ne. La via!

B. Neniel. La via!

K. Ne, ne. La via! (*La deka horo batas, kaj oni aŭdas la bruon de veturilo.*)

B. Ha! Veturilo ĵus haltis ĉe ni. (*Kurante al la fenestro.*) Estas dupenca omnibuso.

K. (*Rigardante super la ŝultroj de Boks.*) Sinjorino. malsupreniris.

B. Oni ne povas trompiĝi pri tia majesta persono. Estas Penelopo Anno.

K. Via estonta edzino.

B. Ne, ne. La via.

K. Tute ne. La via. (*Ambaŭ kuras al la pordo, kaj aŭskultas avide.*)

B. Aŭskultu. Ŝi supreniras la ŝtuparon.

K. Fermu rapide la pordon. (*Ferminte la pordon, ili premas la dorsojn kontraŭ ĝi.*)

Sino. B. (*Ekstere, frapetante kontraŭ la pordo.*) Sro. Koks! Sro. Koks!

K. (*Ekkriegante.*) Li jus foriris.

B. (*Ekkriegante.*) Mi ankaŭ.

Sino. B. (*Ekstere.*) Sro. Koks. (*puŝante la pordon, dum Koks kaj Boks penas ĝin teni fermata.*) Estas nur mi, Sino. Baŭncer.

K. Nur vi! Kie do estas la alia Sinjorino?

Sino. B. (*Ekstere.*) Ŝi jam foriris.

K. kaj B. Foriris! Ĉu?

Sino. B. (*Ekstere.*) Jes, sed ŝi lasis leteron por vi, Sro. Koks.

K. Donu ĝin al mi, mi petas.

Sino. B. Malfermu, do, la pordon.

K. Puŝu la leteron sub la pordon. (*Sino. Baŭncer puŝas la leteron sub la pordon. Koks ĝin altlevas.*)

K. Je Julio Cezaro! (*Laŭtlegante.*) " Kara Sro. Koks, mi esperas ke vi pardonos mian sincerecon . . . .

B. (*Rigardante super la ŝultroj de Koks.*) " Sed ĉar mi estas konvinkita ke niaj sentoj ne estas reciprokaj . .

K. " Mi rapidas vin sciigi pri mia tuj okazonta edziniĝo kun . . . ."

B. " Kun Sro. Noks.

K. Hura!

B. Ekkriegu hura! trifoje pro Noks! Ha! ha! ha! (*Li ĵetas supren la leteron. Boks kaj Koks komencas danci.*)

Sino. B. (*metante la kapon en la ĉambron dum momento.*) La cambreto sur la dua etaĝo estas tute preta.

K. Mi ne bezonas ĝin.

B. Nek mi!

K. Kiu nun nin apartigos?

B. Kio nun nin disŝiros?

K. Sro. B., pardonu, mi petas, mian ŝajnan frenezecon, sed ju pli mi vin rigardas, des pli mi estas konvinkata, ke vi estas mia longe perdita kaj tre bedaŭrita frato.

K. Mi ĵus estis dironta tion mem.

B. Sed diru al mi, mi vin petegas, ĉu vi havas sur la maldekstra brako markon similan al frago.

K. Mi ne havas tian markon.

B. Je ĉielo! estas li! (Ili sin ĉirkaŭprenas reciproke.)

K. Kompreneble ni restos tie ĉi.

B. Certe.

K. Ĉar, inter ni, tiu ĉi loĝejo plaĉas al mi.

B. Ĝi plaĉas al mi ankaŭ.

K. Ĉio estas tre pura tie ĉi; efektive mi sentas min tute hejme tie ĉi.

B. Mi estas certa, ke Sino. Baŭncer tre deziras nin kontentigi.

K. Tio estas vera, kaj mi proponas, ke ni restu ĉe ŝi.

B. Mi konsentas pri tio. Jen estas mia mano. Se

la domo estas sufiĉe granda por enhavi nin ambaŭ, tiam Boks . . . . . .

K. Kaj Koks

B. & K. (*Samtempe*) Kontentiĝas.

KURTENO.

